# LA VERDA LUPEO

N-ro 116 (37) — Informilo de ELF / AREK

Marto 1999 — 31a jaro — Organ der Arge Esperanto im VPhA

Informilo de sekcio ESPERANTO en la germana Asocio de Filatelaj Laborgrupoj

Redakcio: Rudolf Burmeister Max-Müller-Str. 62 DE-09123 Chemnitz

*****************************************************************

**9. Kongreso**
de
**Sennacieca Asocio Tutmonda**
4. - 10. Aŭgusto 1929
en Leipzig (Germanio)

Kongresejo — Popoldomo

**KONGRES-KARTO** N-o 194

por SAT-ano n-o 1399 Germanio

K-d(in)o Willi Gross, Werdau

Kunportu la kongreskarton!

Por la kongresa ...



## *Ni kore gratulas al nia Terttu Österman*



*FILATELA ASOCIO DE FINNLANDO* elektis en sia aŭtuna kunveno nian kluban amikinon *Terttu Österman*

### *Filatelistino de la jaro 1998 en Finnlando*

La kluba informilo VEKILO de E-klubo Tampere skribis en sia Kristnaska n-ro 1998:
*"...Ŝi estas konata filatelisto en Finnlando kaj en la tuta mondo. Ŝia E-kolekto gajnis multajn premiojn en grandaj ekspozicioj. La kongresanoj de la UK en Tampere havis eblecon konatiĝi kun ŝia ekspozaĵo.. Ni esperantistoj gratulas al ŝi!..."*
Ankaŭ ni ELF-AREK-anoj kore gratulas al vi!



## Gert Drucker en brazila filatela gazeto




**O FILATELISTA**

Diretoria Regional do Paraná Ano IV n° 4 Abril/98

En la aprila numero 1998 de *O Filatelista*, paĝoj 1 kaj 4, eldonita de la Regiona PTT Direktorio de Parana en Brazilo, troviĝas artikolo sub la titolo *UMA LINGUA QUE ROMPE BARREIRAS* pri nia Gert Drucker kaj pri lia Esperanto-filatela kolekto kun kelkaj bildoj pri E-poŝtmarkoj. Titolpaĝe kun granda bildo de la jubilea E-pm-bloko de GDR (1987) kaj la svisa E-pm el la jaro 1979. La artikolo pritraktas la devenon de Esperanto kaj d-ron Zamenhof, sciigas pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto. Kaj notas, ke en Brazilo aperis 13 E-pm, kaj nomas "ekstrema kuriozaĵo" la bavaran talonan pm pri la vegetara restoracio Esperanto en Munkeno. La artikolon sur paĝo 4 akompanas bildoj pri E-pm de Ĉinio, Pollanda, Brazilo kaj Sovetunio.
Sur la lasta paĝo artikoleto priskribas kaj montras la surpresitan 1-rublan E-pm de Sovetunio, kiu ricevis surpreson kun la nazia svastiko en la jaro 1941 fare de la germana okupacia administracio.
Ne okazis unuafoje, ke Esperanto trovis lokon sur la paĝoj de brazilaj filatelaj gazetoj: konatiĝis al la redaktoro la jenaj artikoloj en brazilaj gazetoj:

- A IMPORTANCIA DO ESPERANTO PARA A FILATELIA
  en: *Correio Filatelico* (COFI), septembro 1977, paĝo 31-33
- ESPERANTO en *Correio Filatelico* (COFI), julio 1981, paĝoj 34 kaj 35
- A Filatelia e o Esperanto
  *Correio Filatelica* (COFI), februaro 1986, paĝo 11 de Roberto Resende

## Novaj glumarkoj

ESPERANTO 1887-1997




*För spraklig demokrati vid internationella kontakter*
Bildo: sveda kaj Esperanta flagoj.
Ve(rda) blua flava ru(ĝa) kaj ni(gra) sur blanka.




Karlskoga Folkhögskola *Startar 8-veckors esperantokurser i augusti och oktober* (Popola altlernejo en Karlskoga startas 8-semajnajn E-kursojn en aŭgusto kaj en oktobro) 1997 - 1998. Esperantolinjen. Multkolora glumarko (mg). Bildo: La popola altlernejo kun urba panoramo. (Bildo en la glm ne kopiebla)

Veckoslutkursen
*Skövde Esperantoklubb 18-19 april 1998*




Veckoslutskursen
Skövde Esperantoklubb
**18 - 19 april 1998**

(Semajnfina kurso) Bildo: du flugantaj gruoj kaj jubilea E-emblemo.
Koloroj: ve, ru kaj ni sur blanka. Memglua glm.




Sveda Esperanto
*Seminario + Kurso 26/9-3/10 1998 en Lesjöfors.*
*Bildo*: Esperanto-Domo.
Kvarkolora memglua glumarko.

50 - JARIĜO de la Deklaracio de Homaj Rajtoj

Bildo : terglobo kun "UN" kaj E-emblemo. Sur blua fono la teksto:

*Ĉiu nacio rajtas proprajn lingvon kaj kulturon.*







Koloroj: ni ve blua flava. Grafikis: Antoni Belyga
A: en Esperanto B: en la pola lingvo (Sendis: Bielak)

## 83-a UK kun variaĵo




Tiu ĉi kongresa glumarko estas kvarkolora: nigra, verda, blua, flava. La teksto sur ĝi:

MONTPELLIER
01-08 aŭgusto 1998
83-a Universala Kongreso
de Esperanto




Aperis du eldonoj: -1a: sen E-stelo
-2a: kun E-stelo kaj malsimilaj du lastaj linioj.
Informis: Jean Amouroŭx. Dankon al vi pro la senditaj specimenoj!

## 52a SAT-Amikara kongreso 1997 (Ripete)




Vere tiu glumarko ekzistas en du iom diferencaj eldonoj, kiel siatempe informis nia Amouroŭx.

1) suba linio: "kum infana kongreso"
La "m" estis per blanka inko mane korektita al "n". La glm havas malgrasan nigran tekston.

2) suba linio: "kun infana kongreso"
La glm havas grasan nigran tekston.




Sendube tiu glm kun "kum" estas rara glm ne facile trovebla. Jean Amouroŭx pruvis la ekziston per alsendo de originalo. Dankon al vi!

## 54a Kongreso de SAT-AMIKARO
### 3, 4 k 5 aprilo 99







en urbeto GLAY, apud Montbeliard, proksime de germana/svisa landlimoj.

Multkolora memglua glumarko. Folio kun 21 markoj haveblas kontraŭ 5 IRK ĉe SAT-Amikaro 67 Av. Gambetta FR 75020 Paris.

La 53a kongreso okazis 11, 12 kaj 13 de aprilo 1998 en urbo Quintin. Tie nia kluba amiko *Jean-Pierre Ducloyer* prezentis E-filatelan ekspozicion kun la titolo:

"Esperanto - retrovita ŝlosilo de la Babela Turo"

Tiu ekspozicio, kiu ricevis medalon en Francio, estis ankaŭ prezentita dum la 83a UK en Montpellier. *-Andre Sadier-* (Dankon al vi pro la informo!)

## 84-a UK en Berlino, 1999




Propono ne akceptita




La oficiala kongresa glumarko

Jam en la Montpeliera UK aperis la dekstre montrita glumarko "kaj furore vendiĝis". La kongresa simbolo estas la impona kaj mondfama Brandenburgia Pordego. Mendebla ĝi estas ĉe nia ELF-AREK-kasisto *Rolf Beau*. Unu folio kun 24 memgluaj glumarkoj kostas 6 gld.
En la konkuro ankaŭ estis la maldekstre montrita propono de samideano *Joachim Schulze* (Leipzig). Urso estas la blazona besto de Berlino. Eble tiu grafikaĵo ja aperas kiel kongresinsigno. Eble ankaŭ ne. Estus domaĝe pro tiu tre plaĉa proponaĵo.




## BALTAJ ESPERANTO - TAGOJ
## (en) VEISIEJAI 18-24 julio 1998

Bildo: E-stelo kaj la mallongigo: *BET 34*
Koloro: verda sur blanka. (Eble ne glm)
Trovita sur koverto sendita de Jankowski.




## 29a Pola E-Kongreso 28-30.08.98
## 90a Jubileo de E-Movado en Lodzo

Bildon vidu apude.

Koloroj: (1) nigra sur blanka, (2) sur verda,
3) sur helverda (4) sur flava.
Memglua papero. Strioj 4x1.
Informis: Agnieszka Markowska, Lodz

BRA 38-47 (Filatela ekspozicio en Goiania)

Necesas iuj kompletigaj informoj al tiuj de LVL 112 (Marto 1998). *Gert Drucker* sendis jenan klarigon:

*"... Post la fondiĝo de la brazila ĉefurbo BRAZILJO en 1960 naskiĝis la ĉefurbo de la brazila ŝtato GOIAS sub la nomo GOIANIA: Antaŭe tiu regiono estis kampara kun malmultaj enloĝantoj kaj estis malmulte konata. Hodiaŭ ĝi estas moderna ŝtato kun moderna ĉefurbo..."*

Sciu, ke tie ekzistas tre vigla E-klubo, pri tio legeblas en la jarlibro de UEA. Ĉiuj stampoj ekzistas en du variaĵoj:

- kun la dato 7 a 16.11.97
- kun unuopaj tagdatoj. Do : 7.11 ...8.11. ..9.11. ...ktp

Krome: BRA 47 (kun la E-stelo) ne havas la daton 16.11 sed: 10.11.97
BRA 41 (Emblemo Goiania 97) ne kun dato 10.11 sed: 16.11.97

*GUIA - Cultural e Turistico Goias*, 3 nov 1997, turisma prospekto , notis por nia BRA 41: "7 a 16.11.97" kaj por nia BRA 47 "10 e 16.11.97", sed sur p. 31 *"Lanĉo de stampo omaĝe al Esperanto okazos 16.11.97 je la 9.15 horo en la Kultura Spaco de la Poŝto"*. Tamen ni konas tiun stampon nur kun la dato 10. 11. 97. Tie legeblas ankaŭ, ke 214 ekspozaĵoj aliĝis el 25 brazilaj ŝtatoj. Gert Drucker trovis jenajn klarigojn pri personoj montritaj sur tiuj stampoj:

*Dorismar Portes (BRA 39)*
Naskiĝis je la 4a de marto 1940, mortis je la 7a de marto 1995. Oficis kiel speciala agento por la Federacia Polico. Multaj ambasadejoj konis lian laboron. Li estis unu el la unuaj disvastigantoj de filatelo en Goiania kaj konata de amikoj kaj filatelistoj kiel "Portes". Li ankaŭ popularigis Esperanton en la regiono. (Fonto: CECOF: Kultura filatela loko esperantista en la poŝtoficejo)

*Jaime Camara (BRA 38)*
Naskiĝis en 1909 en la urbo Joao Camara (RN), mortis je la 29a de oktobro 1989. Laboris unue en grafika industrio. Poste fondis kun sia frato la ĵurnalon "*La Popularа*", hodiaŭ plej amase legata ĵurnalo en la ŝtato Goiaso. Li estis urbestro de Goiania, politikisto, entreprenisto, ĵurnalisto, filantropo, pioniro, verkisto. (Fonto: Fondaĵo Jaime Camara)

*Carmo Bernardes da Costa (BRA 43)*
Naskiĝis 2.12.1915 en la urbo Patos de Minas, mortis en 1996. Ĵurnalisto kaj verkisto. Membro de la Beletristika Akademio de Goias. (Fonto: Centra Biblioteko de Federacia Universitato de Goias)

## Pri BRA 37

En LVL 113 legeblis, ke ekzistas du specoj de tiu ĉi stampo. Ni brazilaj ELF-AREK-anoj konas nur unu specon. Estus bone ricevi kopion pri la dua , kiun posedas R. *Hirsch*, kiel li piednotis en tiu LVL. Eble temas nur pri iu el la skizoj, kiuj finfine tiel ne estis uzataj por la vera stampo. Tiuj skizoj-proponoj cirkulis antaŭ la apero de la kongresa stampo. *Gert Drucker*

## Pri FIN 14




Tiu ĉi stampo ekzistas kun ĉiuj datoj de 22.-29.7.1995. Mi ilin ĉiujn posedas, escepte de 22.7.95. *Veli Hämälainen* en Tampere sciigis, ke en tiu tago la ĉefpoŝtejo ne uzis la stampilon kun jena escepto, ke la finna e-isto *Juho Pyykänen* ricevis du stampojn kun tiu dato, ĉar li insistis en la ĉefpoŝtejo pri ĝi. Normale tiu dato aperas nur en stampo presita sur iu prospekto.

## 54a TEJO-kongreso en Rijeka (HR) 1998

Informo pri ĝi troveblas en LVL 114 sur paĝo 17 sub "lastminutaĵoj", aldonitaj de kolektamiko Hirsch. Jen provo, doni al vi klarigojn pri ĝi:



En la supra rondo troviĝas jena teksto en la kroata kaj en Esperanto:

*54. SVJETSKI KONGRES MLADIH ESPERANTISTA*
*(54a Monda Kongreso de la Esperantista Junularo)*

Stampomeze antaŭ turo estas la urbonomo: Rijeka, sub ĝi tre malgrande: Kroatio kaj Hrvatska. Sube: 51101 Rijeka kaj super ĝi la dato: 25. 7. 1998 (unua kongresa tago).

## 71a SAT-kongreso en Odeso (UA) 1998




Informis pri la stampo Jean Amouroŭx, Andre' Sadier kaj Hans Jankowski. "*...Kelkaj bonŝanculoj sukcesis akiri tiun stampon sur la speciala tutaĵo-koverto, eldonita la 18an de julio kun la dato de la kongresa inaŭgura tago. Sed nur malmultaj kongresanoj sciis pri la nur unutaga uzado de la speciala stampilo...A.S.*" (ĉu en kongresejo aŭ poŝtejo?). ELF-AREK-anoj ne partoprenis tie, ni nur eksciis pri ĝi danke al kolektamiko Hirsch, kiu sukcesis akiri ĝin de ukraina E-isto dum la UK en Montpellier sur tiu speciala tut-koverto. Per de Sadier sendita kopio eblis konstati, ke la stampomezuro estas ovala 36x38 mm.




Jean Amouroŭx ricevis salutkarton kun la apuda stampo kaj skribas: *tiu E-lingva verdkolora stampo plej probable fontas de la organiza komitato.*

J. Jankowski ĝin ankaŭ ricevis, dorsflanke sur la kov.

## XVa ENBRA en Goiania, 1998 (BRA)




Nia amiko *Gert Drucker* sendis en septembro 98 flugfolion de la Brazila Poŝto, kiu enhavis la jenan anoncon:
"...Kun la temo *"O BRASIL RUMO AO NOVO MILENIO - BRAZILO SURVOJE AL NOVA JARMILO"* la *Brazila Poŝta kaj Telegrafa Entrepreno de la ŝtatoj Goiaso kaj Tokantiso* lanĉas specialan stampilon por memorigi la"15an ENBRA" , - Brazila Renkontiĝo pri Administrado. Lanĉo de tiu stampilo okazas 16an de septembro en la 20a horo dum la malfermo de la evento.
*ECT GO/TO,* kune kun la *Esperantista Filatela Klubo CECOF* kaj la *Kultura Esperanta Centro KEC* okazigas ekspozicion "Filatelio kaj Esperanto"
La stampo supre notas: *BRAZILO SURVOJE AL NOVA JARMILO* kaj montras la daton: 16 a 18 SEPT 98 Poŝtejo: Goiania - GO.
La stampon desegnis: Jose´ Carlos da Silva Souza
"ENBRA"= ENCONTRO BRASILEIRO (Renkonto Brazila)
Dankon al *Gert Drucker Rua 13 de Maio 219 / 904 BR-80 020-270 Curitiba/PR*
Li volonte sendas al interesuloj tiun stampon kaj la antaŭajn de Goiania interŝanĝe kontraŭ viaj novaĵoj.

## 83a UK en Montpellier (FR) 1998




La redakcion atingis salutoj el tiu UK de niaj klubaj geamikoj Elda Dörfler, Jean Amouroŭx kaj Raymond Bore. Sur la koverto sendita de nia Amouroŭx troviĝis 3 helbrunaj stampoj. Ankaŭ R. Bore´ informis poste pri tiu kolora variaĵo per kolorkopio, kaj ankaŭ aliaj geamikoj ricevis tiun stampon en la helbruna, apud nigrakoloraj. Krome alvenis sur la salutkarto de R.Bore´ ŝajne surpresita stampo (per stampomaŝino) en nekredeble pura kvalito.

*"... En cirklo, franca teksto:*

***83e CONGRES MONDIAL D ESPERANTO***
***1er au 8 Aout 1998 34 MONTPELLIER***

*ĉirkaŭas leviĝantan sunon sur akvodukta arkaro kaj novklasikstilan konstruaĵon, sub kiu vinberaro: tiel bildkoncize prezentiĝis la urbo.."* Tiel ĝin priskribas nia kluba amikino *Elda Dörfler* en la "Filatela Angulo" de "TEA-BULTENO", septembro 1998. (TEA= Triesta E-Asocio)
Koran dankon al *Elda Dörfler, Jean Amouroŭx* kaj *Raymond Bore´* pro la senditaj informoj!




## 90 Jaroj de E-movado en Lodzo (PL)

Tiu ĉi poŝta stampo originas el la admirinda aktiveco de la junaĝa estraro de la lodza esperantista klubo kaj finfine ankaŭ pro la nelacigebla aktiveco de la E-filatelisto Marian Kostecki (Krakovo). Pri la apero de la stampo jam antaŭe informis estraranoj de la lodza klubo okaze de ilia vizito en Chemnitz en novembro 1998. Estis tamen denove nia kluba amiko *Stefan Bielak*, kiu bonvolis sendi al la redakcio kaj informon pri ĝi kaj stampitan koverton. En la mezo de la stampo videblas kvinpinta stelo, la vorto ESPERANTO kaj boato kun padelilo (parto el la urba blazono). La stampo tekstas:

90 LAT RUCHU ESPERANCKIEGO
90 Jaroj de E-movado en Lodzo

En la suba rondo la dato: 15.12.1998 kaj: LODZ - 7.
La stampilo estis uzata nur dum unu tago.
En tiu tago okazis solenaĵo por la jubileo kaj ekspozicio de E-filatela ekspozaĵo el la posedo de Marian Kostecki. Ni gratulas al li kaj al la junaj gesamideanoj en Lodzo.

## Pri la stampo 50a IFEF-kongreso

La ponto en la stampo (Vidu LVL 116, p. 10) simboligas la novan ponton trans la Granda Belto, markolo inter la du danaj insuloj Fueno kaj Selando. Oni elektis la ponton kiel simbolon por la kongreso pro almenaŭ tri faktoj:

1) Danio estas konata kiel "Lando de la Pontoj".
2) La ĉefa temo de la kongreso estis "La Oresund-konekso", tunelo kaj ponto inter Kopenhago (DK) kaj Malmö (S).
3) Oni ofte karakterizas E-on kiel "pontan lingvon".

*El retpoŝta sciigo de nia Jan Niemann el Nuuk (DK Grenlando). Dankon al vi!*

## 52-a nacia E-kongreso en Argentino

Spuro pri tiu stampo troveblas en revuo ESPERANTO, dec. 1998, p.221. Legeblas tie, ke "...la kongreso ricevis specialan poŝtan stampon - kaj promeson de la filatela fako de la nacia poŝto eldoni venontjare pm pri Zamenhof..." Tion raportis S. Veuthey. Certe iu el inter ni ricevis salutkarton el tiu kongreso kun la stampo. Bonvolu sendi kopion al la redakcio por povi montri ĝin pere de nia LVL.

x

## Tigra Jaro 1998 (CN)

Por la pm-emisio TIGRA JARO 1998 la Filatela Kompanio Haikou uzis unuatagan poŝtan E-stampilon.
En la stampo, dekstre de la stilizita tigro, aperas en E: TIGRA JARO.
En la supra rondo en ideogramoj: LA JARO DE LA TIGRO.
Dato: 1998.1.5. Loko: Haikou
Desegno: Zhang Linrui




## 1 Jaro Forpaso de X.P. Deng ( CN)

Lige kun la apero de pm-.serio pri Deng Xiao Ping la Filatela Kompanio Haikou uzis unuatagan stampilon kun portreto de X.P. Deng kaj teksto en la ĉina kaj en Esperanto:

1 J (aro) FORPASO DE X. P. DENG

Dato: 1998-2-19 Loko: Haikou
Desegno : Zhang Linrui




## 22a UPU-KONGRESO EN BEIJING 1999 (CN)

Filatela Kompanio Haikou sur insulo Hainan uzis por nova poŝtmarko unuatagan stampilon kun teksto en la ĉina kaj en Esperanto:

22a KONGRESO UPU - BEIJING 1999




En la stampomezo montriĝas la emblemo de tiu kongreso.
Dato: 1998.5.15 Loko: Haikou
Desegno : Zhang Linrui

Dankon al Zhang Linrui, kiu informis pri ili en septembro 1998 pere de W. Heimlich.

100044

中国邮政明信片

纪念著名俄国作家和
世界语热情支持者
托尔斯泰诞生一百七十周年

中国世界语之友会
北京百万庄路24号 (邮政编码:100037)

1993 售价: 15分

**Poŝtkarto-tutaĵo Leo Tolstoj**
**(privata alpresaĵo)**

Por memorigi la 170-jariĝon de Leo Tolstoj, fervora E-subtenanto, la societo "Amikoj de Esperanto", Pekina Xiqu-a Filatela Kompanio, Scienc-teknika E-ista Asocio de Ĉina Akademio k aliaj organizoj kune aperigis tiun ĉi E-filatelaĵon.
Desegnis ĝin: gesamideanoj Tan Ailing kaj Xie Shaoxing. Apero: 9 oktobro 1998.

*Leo Tolstoj* (1828-1910) estis rusa verkisto. Liaj ĉefaj verkoj estis i. a. "Anna Karenina" kaj "Milito kaj Paco". Lenin nomis lin "Spegulo de la rusa revolucio". Nelonge post apero de Esperanto li jam tralegis E-lernolibron kaj la 13an de septembro 1889 en sia taglibro opiniis la lingvon "bona verko" ("Plena Verkaro de Tolstoj, volumo 50, paĝo 142). Samtage li skribis al la rusa e-isto V.V.Majnov: "Mi trovas, ke tiu lingvo plene kontentigas la bezonojn de internacia ... lingvo. Mi laŭ miaj fortoj klopodos disvastigi ĝin...(Plena Verkaro de Tolstoj, vol.64, p 304). En la jaroj de 1889-1910 li plurfoje skribis al e-istoj kaj aliaj esprimante altan takson pri E. La 27an de aprilo 1894 li skribis al la eldona societo "Posrednik": Mi ĉiam opinias, ke ne ekzistas pli kristana scienco ol lernado de lingvoj. Tiu scienco ebliganta interkompreniĝon kun plej granda nombro da homoj. Multfoje mi vidis, kiel la homoj sin tenis malamike nur pro malhelpo de reciproka interkompreniĝo. Kaj tial lernado de Esperanto kaj ĝia disvastigo sendube estas kristana afero, kiu helpas al kreo de la Dia Regno, la plej ĉefa kaj sola destino de la homa vivo." (Plena Verkaro Tolstoj, vol. 67, p.101)
Verkita de: *Filatela societo de Pekina Esperanto-Asocio*



*Koverto-tutaĵo el Ukrainio kun surpresita E-pm eldonita okaze de la 71a SAT-kongreso en Odeso, 1998*

En sia 4-paĝa aldonaĵo de LVL 114 kolektamiko Hirsch informis mallonge pri ukraina E-a tutaĵo, akirita en la Montpelliera UK. Komence de februaro Hans Jankowski sendis gazet-eltranĉaĵon el germana filatela gazeto kun sciigo pri ĝi, kaj Andre´ Sadier sendis leteron kun pli detalaj informoj. Sur la bazo de tiuj ĉi informoj jen eblas transdoni al vi la jenajn konkretajn sciigojn:

"Laŭ iniciato de la ĉefa organizantino de la kongreso, s-ino Tamara POPOVA, kaj de la Odesa Filatela Asocio, Ukraina Poŝto eldonis tiun specialan Tutaĵ-Koverton... . La Organiza Kongresa Komitato ne antaŭinformis pri la eldono de la koverto kaj speciala stampo (vidu sub "stampoj" !). Nur kelkaj bonŝanculoj, kiuj ĉeestis la kongreson, povis akiri tiun koverton kun la speciala stampo. Eldonkvanto estas 600000 ekzempleroj... (A.S.)" La surpresita E-poŝtmarko (blua, helblua kaj surskribo en la blanka) ne havas nominalon, sed montras la cirilan literon "D", signo por "enlanda tarifo". Maldekstre en la marko troviĝas la landonomo UKRAINA, kaj meze en ĝi antaŭ konko la kongresa signo kun la emblemo de SAT. Ĉirkaŭas ĝin teksto en la ukraina

71-a INTERNACIA KONGRESO ESPERANTISTA

Sube dekstre en la surpresita pm la eldonjaro: 1998.

La koverto montras sube maldekstre bildon de la kongresa emblemo: Monumento (bruna) antaŭ konko (blua sur ruĝa) kun la sama teksto kiel en la pm . Dorsflanke troviĝas impreso kun la presnumero "8-3163" kaj sciigo pri la eldona kialo: "Miŝnarodnii kongres esperantistiv" (en ukrain-cirilaj literoj) "Internacia Kongreso de Esperantistoj"). Dankon al niaj amikoj Jankowski kaj Sadier!

## 4a Germana E-Kongreso 1909

Nia kluba amiko *Jean Amouroüx* bonvolis siatempe reagi al demando pri tiuj bildkartoj en LVL kaj sendis kopiojn pri tiu ĉi malnova serio, hodiaŭ apenaŭ trovebla en iuj kolektoj. Ja eble en iuj E-muzeoj, sed tie ili ne estas atingeblaj por kolektantoj. Tiuj bildkartoj portas en si por la hodiaŭaj E-historiistoj nekredeble multajn informojn. Apud la normala serio ekzistas ankaŭ serio bronzokolora. Dankon al nia Amouroüx!
Ĉiuj bildkartoj havas en la bilda supro la germanlingvan tekston:

*IV. Germana Esperantista Kongreso Gotha 21-23 majo 1909*

Ankaŭ ĉiuj aliaj tekstoj estas germanlingvaj.

- Estraro de GEA (Mybs, Möbusz kaj Kandt)
- Konsilantaro de GEA (9 personoj -kun Dietterle k.a.)
- Konsilantaro de GEA (9 personoj -kun Schramm k.a.)
- Honoraj membroj de GEA (kun Borel, Zamenhof, Schmidt k.a.)
- Prezidantaro de la kongreso (kun Rohrbach, LKK-prezidanto)
- Salutparolintoj de germanlandaj asocioj
- Salutparolintoj (eksterlandaj E-istoj kun Borel, Frenkell k.a.)
- Kongresanaro
- Honora Pordego (kun rubando *KORAN BONVENON*)
- Teatroprezentado (7 personoj -kun Wichert k.a.)
- Kongresanoj (10 portretoj kun Christaller, Winkelmann, Arnhold k.a.)






## Bildkarto-serio UK Tampere 95

Nur nun eblas noti por vi la kompletan serion de bildkartoj eldonitaj por la 80a UK en Tampere 1995. Estis ebleco por intervjuo al samideano Veli Hämälainen, membro de la tiama LKK. Li diris, ke jam foje li sendis laŭ peto de ELF-AREK- membro la kompletan informon por LVL al li. Sed tiu sciigo ne atingis la redaktoron.

Aperis entute la jenaj 19 kongresaj bildkartoj:

| | |
|---|---|
| Tampere-halo | Foto de Veli Hämälainen |
| Vestiblo de Tampere-halo | Foto de Veli Hämälainen |
| Katedralo de Tampere | Foto de Veli Hämälainen |
| Ĉefbiblioteko de Tampere | Foto de Veli Hämälainen |
| Rapidfluo Tammerkoski en T. | Foto de Sylvia Hämälainen |
| Finnlando (Ŝipo) | Foto de Jussi Jäppinen |
| Rivero Aŭra en Turku | Foto de Antti Mikkola |
| Katedralo de Turku | Foto de Antti Mikkola |
| Insularo de Turku | Foto de Antti Mikkola |
| Vespero sur lago Saimaa | Foto de Irja Miettinen |
| Haveno de Lapeenranta | Foto de Irja Miettinen |
| Skisaltejo de Lahti | Foto de Antti Mikkola |
| Malnova Raŭmo | Foto de (ne indikita) |
| Katedralo de Helsinko | Foto de Antti Mikkola |
| Vidtureo kaj memorstatuo | Foto de Veli Hämälainen |
| Terspina pejzaĝo (arbaro) | Foto de Veli Hämälainen |
| Finna saŭno | Foto de Veli Hämälainen |
| Somermeza festfajro | Foto de Veli Hämälainen |
| Floro "Lysimachia vulgaris" | Foto de Veli Hämälainen |

## *Poŝta faldfolio kun E-a teksto*

Nia *Gert Drucker* sendis kopion pri tiu filatelaĵo, kiun li gardas en sia kolekto. Tiun sennominalan faldkoverton (aŭ "faldfolion") aperigis, supozeble jam en 1937, Regiona PTT-direkcio de "DISTRIKTO FEDERAL" en Brazilo.

Unu flanko de tiu faldfolio estas destinita por skribi sur ĝi, la alia flanko montras tri bildojn pri la regiono de Rio de Janeiro: "Bahia de Botafogo", "Panoramo do Corcovado" kaj bildon sen teksto. Kvara loko estas destinita por skribi la adreson de la ricevanto. En tiu loko ankaŭ estas surpresita emblemo de CORREIOS TELEGRAPHOS BRASIL kaj la surskribo CARTA POSTAL Sur la marĝeno trovis lokon la sekva teksto en sep lingvoj, inter ili ankaŭ en Esperanto (sur 9 linioj):

**Nur per vizito al Brazilo, komencante de Rio-de-Janeiro = la tielnomata „Mirinda Urbo" = oni povos taksi la naturdotojn kaj ekonomiajn kapablojn de tiu lando.**

Sendube tiu faldfolio apartenas al nia E-a filatelo. Koran dankon al nia kluba amiko *Gert Drucker* pro la sciigo !




Nur per vizito al Brazilo, komencante de Rio-de-Janeiro — la tiel nomata «Mirinda Urbo», oni povos taksi la naturdotojn kaj ekonomiajn kapablojn de tiu lando.

Only by visiting Brasil, beginning by Rio de Janeiro, its beautiful capital, can its natural beauties and enormous economical possibilities be judged.

****************************************************************************

# ELF/AREK *Esperanto-Ligo Filatelista* *Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj*

Prezidanto: Hermann Heiss Lohstr. 48 DE-77704 Oberkirch

Kasisto: Rolf Beau Saxoniastr. 35 DE-04451 Althen
*Retpoŝto: RoBo.ESPERO@t-online.de*
*Interreto: http://home.t-online./de/home/RoBo.ESPERO*

Kontoj: *Rolf Beau = Sparkasse Leipzig* *Konto n-ro: 1 190 223 208*
*Banka kodo (BLZ): 86055592*

Rolf Beau = Postbank Nürnberg Konto n-ro: 0 366 737 855
Banka kodo (BLZ): 760 100 85

*ELF/AREK = UEA-konto: kodo elfx/r*

Kotizo 1999: = DEM 30.- (orientlandanoj: 20.-
(EURO: 15.34 " EURO: 10.23)

La kotizojn sendu nur al nia kasisto!

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Katalogoj: | Richard Hirsch | Lambertstr. 12 | DE-36251 | Bad Hersfeld |
| Stampobanko: | Werner Heimlich | Fröbelstr.4 | DE-29614 | Soltau |
| Informilo: | Rudolf Burmeister | M.-Müller-Str.62 | DE-09123 | Chemnitz |

****************************************************************************

**Korespondi** kaj interŝanĝi poŝtmarkojn deziras nia nova membro
Václav Kaprál Plaska 252 CZ 33151 Kaznějov

****************************************************************************

**Glumarkojn** interŝanĝas kaj vendas el granda kaj malnova stoko
Adam Guliewicz Pfundmayerstr. 21 DE-81375 München

****************************************************************************

**E-filatelaj ekspozicioj** okazas multaj, sed nur malofte atingas nin informoj pri ili. Pasintjare okazis i. a. E-filatelaj ekspozicioj en la:

-2a Kroata E-Kongreso en Varaždin fare de la al ni nekonata samideano *Ivan Stojanič.*
-52a SAT-Amikara Kongreso en Limoges fare de nia amiko *Jan-Pierre Ducloyer.*
-83a UK en Montpellier ankaŭ fare de nia amiko *Ducloyer.*
(sub la titolo: "Esperanto - la retrovita slosilo de la Babela Turo")
-29a Pola E-Kongreso en Lodz fare de nia iama EKIK-ano *Marian Kostecki*.

Jam pasintnumere okazis sciigo pri la 39a E-filatela ekspozicio de *Janusz Mikulski.* Sendube ankaŭ niaj *Terttu Österman* kaj *James Rezende Piton* daŭrigas ekspozadon de iliaj elstaraj konkurklasaj fila-ekspozaĵoj, sed ne venis sciigoj.
Ni ne forgesu tiun imponan E-filatelan ekspozicion en *Goiania* (BRA) kaj la E-filatelan ekspozicion de *Marian Kostecki* en decembro 1998 en Lodzo.
Niaj E-filatelistoj kaj E-kolektantoj pere de siaj ekspozaĵoj kontribuas al la popularigo de Esperanto en ekstermovada medio kaj ene de nia movado al la disvastigo de historiaj konoj pri nia E-movado.

*Koran dankon al ĉiuj estimataj klubaj geamikoj , kiuj kontribuis per siaj informoj al tiu ĉi informilo. Bonvolu ankaŭ estonte sendi viajn informojn al la redaktoro.*